UEA-Komisiono por Ameriko 

Novaĵletero - N-ro **8**, Junio/2002

# AktivAmeriko

http://www.geocities.com/espameriko

## Kongreso [illegible] la 3 Kalifornioj

La paragvajanino Deolinda VERA LOPEZ, delonge loĝanta en Brazilo, antaŭ kelkaj jaroj konis Esperanton en Rio de Janeiro. Givanildo Ramos Costa donis al Vera la adreson de Gloria de Insfrán, en Asunciono, ĉefurbo de Paragvajo. Nun Vera reiris al Asunciono, kie ŝi renkontis s-inon de Insfrán. ĉi tiu jam estis interesita pri la starigo de E-Kurso en CEFEP (Centro de Filozofio Spiritisma de Paragvajo), kies prezidantino ŝi estas. Dum kelkaj semajnoj Vera ekinstruis enkondukan kurson de Esperanto al pluraj interesitoj de CEFEP.
Laŭsugeste, s-ino de Insfrán invitis karavanon de esperantistoj el Rio de Janeiro por apogi la starigon de Esperanto-Kurso en Asunciono, laŭ la jam menciita intenco de s-ino Gloria. La karavano konsistis el membroj de Kultura Kooperativo de Esperantistoj: Almir kaj Zilda Ferreira, Elma do Nascimento, Ademar Vieira Diniz kaj Jair Salles. El Brazilo, Vera Lopez kunportis la lernolibron "Minicurso de Esperanto" (de J. Salles), tradukitan de ŝi el la portugala al la hispana kun kunlaboro de kolombia esperantisto Alfredo Aragón, ankaŭ de longe loĝanta en Brazilo.
La programo de la evento konsistis el tri ĉefaj kunvenoj: la malfermo kaj inaŭguraj lecionoj de du kursoj (la ĉiulunda kaj la ĉiusabata), gvidataj de Vera. La karavano estis ĝentile gastigata de geedzoj Paulo kaj Sheila Villa en ilia simpatia kaj komforta granda domo. S-ino Villa aranĝis ankaŭ intervjuon en Radio FM Concert kun Jair Salles kaj Vera Lopez en la programo de fervora apoganto de Esperanto, s-ro Beto Barsotti. Pro la diskonigo en tiu radio-programo, eĉ la japana ambasadoro, s-ro Furokawa, iris al la sidejo de CEFEP, kie okazis prelego pri la evento. Montriĝis ke li mem, granda poligloto, havas sufiĉe bonan bazon pri Esperanto kaj intencas prestiĝi la Esperanto-Kurson per sia ĉeesto.
Fine, pro tiu evento okazinta en la 13-a ĝis la 20-a de Aprilo, 2002, espereble oni baldaŭ fondos Paragvajan Esperanto-Asocion. Sciigita pri la evento pere de informo de A. Sartorato en Interreto, S-ano Francisco Mattos petis, ke unu el la membroj de la karavano, Almir Ferreira, salutu la eventon nome de Brazila Esperanto-Ligo. Ankaŭ sciighis ke Symilde Ledon, James Piton kaj Atilio Orellana Rojas bondeziris al la evento. Fakte eĉ la prezidanto mem de UEA, d-ro Renato Corsetti, entuziasmege retmesaĝis pri la historia evento. ŝajnas do, ke la evento povos montriĝi vere fruktodona. Ni esperas, ke jes!

el raporto de **Jair Salles** (Brazilo)

## *Karaj legantoj,*

Karaj legantoj,
Vi trovos en pluraj ekzemploj ĉinumere, ke ni E-istoj plu serĉas diversajn vojojn montri niajn ideojn en kampoj de eksteraj rilatoj kaj en landoj ankoraŭ malkovrontaj Esperanton. La rezultoj estas belegaj!
ĉi tiu estas mia lasta numero kiel vartisto-redaktanto de Aktivameriko - estas malfacile lasi infanon, kiun oni akuŝis kaj vidis la evoluon de unuaj ok paŝoj. La gepatroj estas miaj kolegoj Komisionanoj kaj tiom multaj senpostenaj amikoj de Ameriko, kiuj kontribuis per informoj kaj instigo. Al ili miajn plej korajn dankesprimojn kaj admiron, kaj al la nova redaktonto mian plenan subtenon!

***La Redaktanto***

## Starigo de Oficejo en Ameriko

La UEA-Komisiono por Ameriko, kun la apogo de UEA, decidis starigi oficejon por Ameriko, helpe al taskoj de la Komisiono kaj por plia alproksimigo de amerikanoj.
La Oficejo ekfunkciis la 2-an de majo en Brasília, ĉefurbo de Brazilo, en ĉambro, kiun Brazila Esperanto-Ligo prunte disponigis al la Komisiono. Danke al malavara anonima donacinto, oni provizis ĝin per propraj modernaj aparataroj kaj mebloj. Pri la fizika starigo kaj ĉiutaga funkciado de la Oficejo zorgos sperta E-aktivulo Francisco Mattos, plurfoja ano en iamaj estrarperiodoj de Brazila E-Ligo.
La poŝta adreso de la Oficejo estas
Caixa Postal 03811, Brasília (DF) 70084-970 - Brazilo.
Oni atingas ĝin fakse kaj telefone: +55 (61) 322-8326 kaj la retadreso por kontakti la Oficejon estas: amerika.oficejo@esperanto.org.br
La Oficejo certe estas granda paŝo, kiun oni ĉirkaŭ UEA faras por la antaŭenigo de nia movado en la amerika kontinento.

## Raporto pri la Kvara Nacia Kongreso de Kuba Esperanto-Asocio

okazinta de la 6-a ĝis la 9-a de marto 2002 en Havano.

En la sidejo de la Muzeo pri Sciencoj "Carlos J. Finlay" en la malnova parto de Havano sesiis la kongreso, kiun partoprenis 122 homoj el 8 malsamaj provincoj kaj ses eksterlandanoj, el Belgio, Kroatio, Francio, Islando kaj Svedio. La inaŭguran ceremonion partoprenis funkciuloj de la Kuba Ministerio pri Kulturo kaj speciale invitita estis la prezidantino de la Kuba Asocio de Lingvistoj, kiu esprimis sian intereson pri Esperanto kiel lingva fenomeno kaj la emon de sia Asocio starigi kunlaborajn rilatojn kun KEA.

*(daŭrigo en p. 3)*

## TEJO kaj E-movado:
### reprezentitaj ĉe Internacia Socia Evento

Mayrim Sandoval (Venezuelo), TEJO-estraranino pri Landa Agado, partoprenis Internacian Kolokvon "Socia Produktado de Reprezentoj de Identecoj kaj Sociaj Diferencoj en la Tutmondiĝ-Erao", en la ĉefurbo de sia lando. La 6-an kaj 7-an de Majo sociaj esploristoj el diversaj mondopartoj kunvenis en Caracas kaj prelegis pri siaj laboroj kaj konkludoj. Temoj kiel rasismo, socia ekskludo, indiĝenaj aferoj, virinaj aferoj, seksa orientiĝo, nacia identeco, demokratio, kulturaj diferencoj, ĉiuj rilataj al la vidpunkto de la nuna tutmondiĝa erao.
Laŭ ŝi, gravas la partoprenado de Esperanta aktivularo kadre de tiaj eventoj, "ĉar tio donas al ni pli da socia partoprenado kaj aktivan bildon al la publiko". Tiu sperto donis interesajn bildojn al ŝi pri nia propra movado, "el la socia vidpunkto kaj de la reprezentado de kulturaj identecoj ene de la Esperanto-movado, pri kio preskaŭ ĉiam oni povas legi en la diversaj reta dissendolistoj, ekzemple". ŝi kontaktis kelkajn el la patoprenintoj, kiuj laŭ ŝia kompreno iel rilatas al nia agado, ekzemple tiujn, kiuj prezentis lingve rilatajn aferojn aŭ pri homaj rajtoj. Kelkaj jam sciis kio estas Esperanto eĉ se neniam antaŭe renkontis esperantistojn. Aliaj estis surprizitaj kiam ŝi menciis pri Indiĝenaj Dialogoj kaj la uzo de Esperanto en tiu projekto.
Mayrim agrable konstatis, ke homoj, kiuj konstruas sociajn teoriojn de la venontaj jaroj havas malferman bildon pri nia lingvo. Dum sia partoprenado en diversaj tiaj eventoj ŝi mencias la movadon pri la Lingvaj Festivaloj ĉirkaŭ TEJO kaj Indiĝenaj Dialogoj.

## 2-a MONDA SOCIA FORUMO
### Esperanto sub la lumo de amaskomunikiloj

Dum la tuta periodo (31/Jan - 05/Feb, 2002) de la Forumo en Porto Alegre, suda Brazilo, la esperantistoj diskonigis la celojn de E-o al la granda publiko ne nur brazila sed ankaŭ eksterlanda. ĉi-cele oni laŭeble utiligis la kvar oficialajn lingvojn de la evento: angla, franca, hispana kaj portugala. Portante slogantukojn ĉiutage inter la sektoro pri gazetaro kaj la ĉefa salonego de la Forumo, la E-teamo vokis la atenton de miloj da preterpasantoj, kiuj multfoje eĉ fotis kaj filmis la grupon. ĉirkaŭ 120 homoj atente sekvis la sciigojn pri Esperanto en prelego. Estas fotaro:
http://www.redemeta.com.br/pacheco/MSF-2002.
Aparte gravaj kompreneble estis la dekoj da intervjuoj al la amas-komunikiloj donitaj de diversaj samideanoj. Inter ili oni elstarigas la jenajn: la itala ĵurnalo Corriere della Sera, la franca Le Monde Diplomatique, la novaĵagentejo Associated Press, Radio France Internationale (RFI), la germana Radiostacio Attac-Stuttgart, la brazila televidstacio TVE/RS, la brazilaj ret-novaĵagentejoj Agência Informes/Carta Maio kaj la Radikala Partio. Fine, oni povus sendube diri, ke temis pri unu el la plej elstaraj E-disvastigadoj iam faritaj en la mondo, ne nur laŭ la nombro da homoj kaj instancoj al kiuj oni atentigis pri la celoj de Esperanto, sed ankaŭ pro la kvalito de la cel-publiko, ofte konsistinta el homoj sociinfluaj en siaj respektivaj medioj.

Laŭ raporto de **César Dorneles Soares** kaj **Jozefo Pacheco** (Porto Alegre)

## Indiĝenaj Dialogoj en Politekniko de Kostariko

La 15 -an de majo finiĝis la ĉijara Kurso pri Indiĝenaj Dialogoj (ID) per prelego de s-ro Gilbert González Maroto, membro de la Indiĝena Konsilio de ID. Entute partoprenis la kurson 25 studentoj, kiuj instruiĝis pri la origino, situacio kaj perspektivoj de la internacia indiĝena movado; krome, ili ankaŭ iom spertis la lernadon de Esperanto kaj konsciiĝon pri transkultureco.
La partoprenintoj montriĝis tre kortuŝitaj pri la prelego de s-ro González Maroto kaj mem esprimis apogon al la lukto kontraŭ inundo de indiĝenaj teroj pro konstruado de digo en la sudo de Kostariko. En la antaŭlasta leciono estis prelego de s-ro José Carlos Morales (prezidanto de la Indiĝena Konsilio de ID), kiu parolis pri la indiĝena movado kadre de la sistemo de Unuiĝintaj Nacioj kaj pri la perspektivoj de la indiĝena movado en la nuna periodo de tutmondiĝo.

Informis **Antonio Leoni** (Kostariko)
en bulteno *"Tamtamo"* n-ro 12, Majo 2002.
http://www.idnetwork.nl/tamtamo

**ENKETO**

Saluton, gekaraj el ĉiuj mondopartoj! Mi prilaboras gravan interesan projekton por Landa Agado, kaj mi tutkore kalkulas je via helpo nun! ĉiu, kiu volontas kunlabori, povus respondi simplajn demandojn, sendotajn al mi:

1) Se vi iam apartenis/apartenas al iu Esperanto-Klubo aŭ Societo, bonvole respondu - Kiu estis via plej ŝatata okazintaĵo aranĝita de ĝi?
2) Se vi estas aŭ iam estis izolita Esperantisto en via regiono, bonvolu respondi - Kiuj estis/estas viaj tri plej grandaj problemoj? Kaj se vi solvis ilin... kiel vi solvis ilin?
3) Kio, laŭ vi, estus ege helpe por la vivo de izolitaj esperantistoj se UEA/TEJO povus fari/aranĝi?
4) Kiuj estis la plej bonaj aranĝoj okazintaj lasttempe en via klubo, regiona aŭ landa organizo? Kial ili estis la plej bonaj?
5) Se vi iam partoprenis en la organiza teamo, aŭ vi mem aranĝis ion... kial vi tion faris? Kion vi ricevis aŭ atingis per tiu projekto?
6) ĉu ekzistas aranĝo ne jam organizita, kiun vi kredas bona por via klubo, organizo ktp? kion vi bezonas por aranĝi ĝin (krom mono)?

Mi dankas se vi respondos al mi rekte kaj se vi povos kopii tiun ĉi mesaĝon al aliaj amikoj kaj E-dissendolistoj. Retadreso:
*mayrim_sandoval@yahoo.com*

**Mayrim Sandoval** (Venezuelo)
*TEJO-estraranino pri Landa Agado*

## KIEL MULTOBLIGI LA MEMBRARON DE UEA?
## Johano Bachrich
## (Venezuelo)

**UNUE:** sendube, la plej grava tasko de UEA kaj ĝiaj Landaj kaj Fakaj Asocioj, individuaj kaj aligitaj membroj estas DISVASTIGI ESPERANTON. Tiu estas la NURA ebleco longdaŭre fortigi la movadon kaj UEA-n kaj multobligi ĝian membraron. Pro tio taŭga informado tra amaskomunikiloj je internacia nivelo estas urĝe bezonata. Ju pli da homoj scias ke ekzistas Esperanto, des pli da homoj lernos Esperanton kaj eventuale membriĝos en UEA.
**DUE:** ni (ĉiuj LA, FA kaj/aŭ perantoj) devus esplori kiuj estas la esperantistoj, E-parolantoj kaj amikoj de Esperanto, kiuj ne membras en UEA kaj kial. Unu persono devus respondeci kaj kunordigi tiun tutmondan agadon.
**TRIE:** se estas malzorgemo, neinteresiĝo aŭ forgeso, ni (perantoj kaj CO kunlabore) devas klopodi (re)varbi ilin per bone planataj kaj kunordigataj merkadoteknikaj rimedoj.
**KVARE:** se la kialo estas manko da rimedoj, ni devus oferti MG-membrecon (eble pli malmultekoste ol la nuna tarifo). Se eĉ tio ŝajnas tro por iuj, ni devas organizi kampanjon por trovi inter niaj membroj "ZORGANTOJN", kiuj pretus pagi tiun malaltan kotizon por unu aŭ pliaj nepagipovaj samideanoj (se tio estas praktika, ili devus koni, almenaŭ letere, siajn zorgantojn). ĉiu juna aŭ ne tiel juna pagipova esperantisto devus helpi almenaŭ unu! ĉu estus tro esperi, ke tiamaniere ni akiru almenaŭ 1.000 pliajn membrojn?
**KVINE:** kiam ni fiksas la prezon de kursoj, por komencantoj aŭ progresantoj, ni enkalkulu la membrigon de la lernanto en UEA (la kursgvidanto decidu en kiu kategorio); se la kursoj estas senpagaj, ni postulu almenaŭ sufiĉan pagon por ebligi la membrigon. Tio ne nur helpos UEA kaj LA akiri pliajn membrojn sed ankaŭ reteni pliajn kursfinintojn en la movado.

### LETERO EL HONDURASO

Kara samideano,
Nu, nuntempe Esperanto iom post iom plivastiĝas en nia lando. Malrapide, sed antaŭen. Mi kunordigas korespondan E-kurson (temas pri la adaptita kurso de ELNA) al 7 gestudentoj kaj rete al 3. Do ni havas 10 lernantojn nuntempe. Nur unu loĝas en mia urbo, la cetero el ili en aliaj urboj tra la lando.
Post disdonado de flugfolioj kaj anoncoj en nacia gazeto ni sukcesis allogi nur 40 homojn, el kiuj nur 10 daŭrigas la lernadon. Kun Reynaldo Lopez Noll ni planas alian kampanjon post junio. Ni refoje metos anoncojn en gazeton kaj atendos la rezultojn.
Krome, ni ricevis kelkajn librodonacojn kaj mi nun mastrumas nian etan "bibliotekon". Ankaŭ Reynaldo jam distribuis lernomaterialojn al nia plej scivolema lernanto, kiu cetere ankaŭ estos nia "Interreta Spertulo". Ni planas nian retpaĝaron kaj intencas meti tien senpagan E-kurson, artikolojn pri niaj lando, kulturo, ktp.
Alia nia projekto estas tio, ke mi vizitu kelkajn mezlernejojn por prelegeti pri E-o. Tion mi ankoraŭ ne ĝisfunde pritraktis kun Reynaldo, sed ni faros tion dum nia venonta kunveno. Tiucele mi intencas peti apogajn bildokartojn, kvazaŭ "Bildkarta Tago" aŭ ion similan.
Danke al Philippe Chavignon ni eksciis, ke estas politikisto kiu iam lernis E-on kaj kies patro fondis E-klubon en la ĉefurbo antaŭ multaj jaroj. Mi provis multfoje kontakti lin telefone, sed tio ankoraŭ ne eblis.
*Alliance Française* estas promesinta faciligi al ni ĉambron por senpagaj kursoj, sed ni ankoraŭ ne faris tion, pro manko de lernantoj!
Mankas al ni ne entuziasmo, sed tempo! Sed mi fidas, ke iom post iom la movado kreskos en nia lando. ĉiuj viaj sugestoj, ideoj kaj planoj estos nepre bonvenaj!
Plej amike kaj respekte,
**Elmer Escoto**
*edescoto@hotmail.com*
(San Pedro Sula, Honduraso)

---

Publika Kunveno de UEA-Komisiono por Ameriko
dum la 87-a UK en Fortalezo: Publika Kunveno de UEA-

*Raporto Pri la Kvara Kongreso de Kubo (daŭrigo)*

La kongresa temo estis "Esperanto: ĉu nur lingvo?" kaj ĝin gvidis Julián Hernández, estrarano pri kulturo de KEA. Lia enkonduka prelego pritraktis la demandon de la fenomeno Esperanto kiel lingvo, pasinto kaj nuntempo. Alia prelego estis prezentita de Alberto Fernández-Calienes, estrarano pri Informado, kiu pritraktis la fenomenon Esperanto laŭ ideologia vidpunkto, pasinto kaj evoluo; kaj la ferma prelego pri la kongresa temo estis prezentita de Norberto Díaz, estrarano de la filio Sancti Spiritus en la centro de nia lando kaj redaktoro de la bulteno "Jajabo" en tiu provinco. Li prelegis pri Esperanto kaj kulturo.
Okazis cetere aliaj prelegoj pri kulturaj kaj scienc-teknikaj temoj, interalie pri Nicolás Guillén, la nacia poeto; pri kuba kuirarto; pri parolkapabligo de lernantoj kaj aliaj pri medicino kaj juro. Estis konkursoj pri gramatikaĵoj, pri historio de Esperanto kaj pri deklamado; aŭkcio kaj traurba promenado. La vesperoj estis destinitaj al kulturaj eroj, dancoj tipaj, kantoj, deklamado fare de artistoj el diversaj institucioj kulturaj de la lando kaj ankaŭ kelkaj amatoraj artistoj de nia movado.
Speciale gravan rolon plenumis ĵurnalistoj, kiuj antaŭ, dum kaj post la kongreso raportis, intervjuis la kongresanojn kubajn kaj eksterlandajn kaj publikigis sukajn informojn pri la kongreso kaj pri la utiligo de la lingvo por ankaŭ pritrakti temojn aktualajn. Elsendo de la ĉefurba televidkanalo CHTV, radiostacioj Radio Rebelde (naciskala), Radio Metropolitana (ĉefurba), la ankaw naciskala Havana Radio (ne Radio Havano; tiu jam elsendas Esperante!) intervjuis estraranojn de KEA kaj eksterlandajn gastojn. Du naciskalaj ĵurnaloj ("Granma" kaj "Trabajadores") aperigis informojn, danke al nia aktivulo Alejandro García. Entute 6 ĵurnalistoj partoprenis la Kongreson.
"Fakte menciendas ke grava helpo por ni estis la subvencio veninta tra la UEA-Komisiono por Ameriko, kiu ja ebligis al ni doni la bezonatajn servojn al niaj samlandanoj", finis raporto de **Maritza Gutierrez** kaj **Alberto Fumero**.

Komisiono por Ameriko
dum la 87-a UK en Fortalezo:
Ĵaudo, la 8-an de Augusto je la
12:30 horo, en salono Lapenna

EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND'

**Brazilo**

Brazila Esperanto-Ligo starigis Laborgrupon por ellabori projekton cele al la diskonigado de Esperanto en katolikaj medioj de Brazilo. Katolikaj esperantistoj dezirantaj kunlabori ne nur dum la ellaborado de la projekto mem, sed ankaŭ en la sekvaj laboroj, estas petataj kontakti la Kunordiganton de la Grupo, Frato Leysester José Flores Miró, el São Paulo (SP), per la retadreso *esperantokatolika_sp@hotmail.com*, kopie al *bel@esperanto.org.br*. Por ellabori similan agadon en evangeliaj medioj en Brazilo, oni formos tiufakan Laborgrupon.

La franclingva verko de Claude Piron "La Defio de la Lingvoj" estis tradukita de Ismael Mattos de Andrade Ávila al la portugala. La 288-paĝan libron partnere kuneldonis Brazila Esperanto-Ligo kaj neesperantista eldonejo Pontes Editores.

**Dominika Respubliko**

Laŭ raporto de junulo Rafael Despradel, *rdespradel@hotmail.com*, motoro de la movado en tiu karibea lando, nia Komisionano kaj estrarano de Kuba Esperanto-Asocio Juan Ramón RODRIGUEZ vizitis la ĉefurbon Santiago de los Caballeros de la 10-a ĝis la 12-a de majo. Li parolis al gelernantoj pri Esperanto, vizitis kelkajn lokojn de la lando kaj partoprenis Librofoiron. Je la fino de sia restado li donacis al la burĝonanta dominika E-movado kelkajn valorajn Esperantajn librojn kaj Esperantaĵojn.

**Ekvadoro**

Esteban Andrés Sánchez Jaramillo ekorganizas dis-vastigon de Esperanto en sia lando. Li tial publikigis la unuan hejmpaĝaron en Ekvadoro pri tiu temo, sub la adreso http://www.esperantoecuador.galeon.com. Unu el la ĉefaj proponoj, kiuj tiel legeblas, estas la fondo de Asociación Ecuatoriana de Esperanto (EEA). Li petas kunlaboron de aliaj homoj interesataj pri la fondiĝo de la asocio kaj ankaŭ helpon en la lingva polurado de la Esperanta parto de la hejmpaĝoj: *estebandres68@hotmail.com*

**Kosta-Riko**

Guido Hernández Marin (Kosta-Rika Esperanto-Asocio) raportis pri E-kurso en Colégio Monterrey, San José kun dek du lernantoj 13- 15-jaraĝaj. Li ankaŭ skribas: "Ni havas kurson ĉe Kosta-Rika Universitato kaj en la Instituto Tecnologico de Costa Rica (ITCR). Nun estas E-kurso en alia mezlernejo, kiun gvidas s-anino Vanesa Carmiol, *vanecarmiol@costarricense.cr*".

**Kubo**

La talenta mag. Alberto García Fumero, Sekretario por Utiligo de Esperanto ĉe Kuba Esperanto-Asocio estis tutpaĝe intervjuita de kuba nacia gazeto "Juventud Rebelde". Titolita "Un Puente para la Comunicación Universal" (Ponto por Universala Komunikado), ĝi tuŝas diversajn flankojn de la afero Esperanto, kun aparta mencio pri la venonta Universala Kongreso en Fortaleza kaj la preparoj por la 6-a Tut-Amerika Kongreso, okazonta en Havano, en 2004. Kvankam oni aperigis kelkajn eraretojn (Zamenhof kiel fizikisto, ekzemple), la sinteno estas tute favora kaj simpatia al nia afero.

**Meksiko**

Dua Kongreso de la Tri Kalifornioj okazos en la Universitata Teatro de UABC en Mexicali, Meksiko - de la 8-a ĝis la 10-a de Novembro, 2002. La prelegantoj, el Usono kaj Meksiko, pritraktos la temojn "La Internacia Puntribunalo", "La landlimo kaj ties psikologio", "Ĵurnalismo kaj Monda Politiko" i.a. Estos ankaŭ "Enkonduka Kurseto de Esperanto por Universitataj gestudentoj". La aliĝo al la Kongreso estas senpaga. Informoj: D-ro Rubén Feldman Gonzalez,*rufegon@mxl.cablemas.com*, aŭ fakse: +52 (686) 556 5886

EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND'

UEA-Komisiono por Ameriko  al la Indekso




novaĵletero de UEA-Komisiono por Ameriko
aperas dufoje en la jaro (Junio kaj Decembro)

**Redaktanto**
James Rezende Piton
Av. João Batista M. do Canto, 257/J2
Campinas (SP) , BR-13031-210, Brazilo
kaj +55 (19) 3272 5212
james.piton@iname.com

**UEA-KOMISIONO POR AMERIKO**

**UEA-Komisiito por Ameriko**
Atilio ORELLANA ROJAS
Riouwstraat 172, NL-2585 HW
Den Haag, Nederlando
+31 (70) 355 6677
+31 (70) 358 4422
iei001@worldonline.nl

**UEA-estrarano (Landa Agado)**
Michela LIPARI (Roma, IT)
**Argentino**
Rubén DIACONU (Pcia R. Sáenz Peña)
**Brazilo**
James REZENDE PITON (Campinas)
**Ĉilio**
José Antonio VERGARA (Puerto Montt)
**Kanado**
Richard PIPER (Québec)
**Kostariko**
Hugo MORA POLTRONIERI (San José)
**Kubo**
Juan Ramón RODRIGUEZ (La Habana)
**Meksiko**
Leandro GARCIA (Oaxaca)
**Usono**
*vakas*
**Venezuelo**
Juan Eduardo BACHRICH (Caracas)